# Katolika Vivo

informiga gazeto internacia

C. OTHON

## La ora bovido



Oni legas en la unua libro de la Malnova Testamento, ke la Izraelidoj, kiam ili estis lacaj atendi Moseon en la dezerto, konstruis kolosan oran bovidon, kiun ili adoris kiel dio.

La nuntempaj homoj ankaŭ rigardas, kiel sian dion, la oron kaj ĝin adoras. La vorto « adoro » ne estas troigo. Ĉar vere la homo foroferas ĉion al la oro, al la mono. Por akiri kelkajn monerojn la moderna homo forlasas sian animon, la plej indan parton de si mem, kaj ĝi fordonas sian rajton al senfina feliĉo en la eterna vivado. Por havi iomete de tiu oro, la nuntempa homo murdas siajn proksimulojn, eĉ siajn parencojn, eĉ siajn gepatrojn. La sano, la indeco, la honoro, la vivo mem, ĉio estas formanĝata de tiu nova Molokdio. Kaj ĝi ne estas ankoraŭ satigita!

La oro estas dio ne nur en la privata konduto de la nuna homo, sed ankaŭ en la socio. La oro ordonas ĉie, la oro gvidas ĉiun agadon, la oro inspiras ĉiun vivregulon, la oro estas la bazo de ĉiu aranĝo, la oro estas etiko, la oro estas ĉio.

Sed la oro estas ankaŭ nenio!

Kaj la moderna homo konsterne rigardas nun sian senkoran dion ĵus falintan pli kaj pli en krizabismon kaj kunportanta sian feliĉon, sian esperon, kaj ofte eĉ sian vivon. La mono malpli valoras. Bankbiletoj senvaloraj fariĝas paperĉifonojn. La fundamentoj de la moderna vivo ŝanceliĝas. Ĉie okazas financaj katastrofoj. Kaj vane spertuloj provas haltigi la ruinon de la dudekjarcenta mondkonstruaĵo. La di-oro fariĝas senpova kaj montras ĝian kadukecon.

La homoj estas konsternitaj! Malkviete ili serĉas savonton. Ili sin angore demandas: kio okazos al ni? kie iras nia mondo? Al disfalo!

Aŭskultu ni, katolikoj, la fortan voĉon de la Eklezio, dirante tra la centjaroj: Estas nur unu sola Savanto: Jesu-Kristo. Estas nur unu sola vivregulo: la Evangelio. Estas nur unu socia bazo: la justeco kaj la amo. Estas nur unu sola Dio: la Triunua Dio.

Nuntempe la mondo estas denove skuata per ĝenerala kaj universala uragano: la ventego furioze blovas, la marondegoj senkompate minacas, la pluvego inunde falas. Estas nur unu sola sav-arkeo: la katolika Eklezio. Ekster ĝi nenia savo! Ni jam delonge tion scias, ĉu ne? Sed plezure estas al ni aŭdi ekonomiistoj kaj sociologistoj tion proklami antaŭ la trompita mondo.

GEORGES RAMBOUX, *presbitero*.

## NIAJ ALTRANGAJ PROTEKTANTOJ



LIA EPISKOPA MOŜTO PETRO TCH'ENG
Apostola Vikario de Suanhwafu (Ĥinujo)

« Lia Episkopa Moŝto tre volonte akceptas la membrecon de la Patrona Komitato de *Katolika Vivo* kaj tutkore kun bondeziroj benas la gazeton. »

JOH. BAP. KAO, O. F. M.

4. VII. 1931.

## Du mesoj por la Paco en Berlino kaj Parizo

Okaze de la vizito al Berlin de la francaj ministroj Laval kaj Briand, Msro Schreiber, episkopo de Berlin, ordonis la celebradon de sankta meso por la paco en la preĝejo Sankta-Mario-Venkintino. Tiu meso okazis, dimanĉon 27 septembro, sub la prezido de Msro Steinmann, ĝenerala vikario, riprezentanto de Lia Episkopa Moŝto. Predikis Pastro Delorme, franca Dominikano.

La saman dimanĉon, en Parizo, estis celebrita la ĉiumonata meso por la paco en la preĝejo de Nia-Sinjorino de la Venkoj.

Tiamaniere germanaj kaj francaj katolikoj samtempe preĝis por firma starigo de la paco inter iliaj ambaŭ landoj. Dio benu kaj realigu tiujn sanktajn bondezirojn!

## Frumatenaj Di-servoj en la ĉefstacidomo de Munĥeno

De la 15 aŭgusto 1930 ĝis la 9 aŭgusto 1931 estis celebrataj en la atendejo no 49 de la ĉefstacidomo en Munĥeno (eniro de el la trajnalirejo 352 Di-servoj ĉeestitaj de 63.966 kreduloj. En la antaŭa jaro la nombro de mes-ĉeestintoj estis 60.933, do plimultiĝo de 3.033. Ĉe la Di-servoj en la ĉefstacidomo de Munĥeno, de la 15 aŭgusto 1925 ĝis la 9 aŭgusto 1931, oni denombris entute 259.380 partoprenintojn. Prave oni povas aserti, ke la frumatenaj sanktaj mesoj en la ĉefstacidomo estas necesega institucio por la katolikaj fideluloj, eĉ des pli, kiam, por kontentigi oftajn insistajn dezirojn de vojaĝantoj kaj ekskursantoj oni celebras ekde la 29 marto ĉi-jare ankoraŭ sesan sanktan meson je la 6 h. 35.

Tiuj Di-servoj de la 3 h. 10 - 6 h. 35 efikis tre edifante precipe al alilandanoj. Okulfrape estas, ke multaj junaj homoj ĉeestas la Di-servojn. Inter la vojaĝantoj kaj ekskursantoj troviĝas ankaŭ multaj fervoj- kaj poŝtoficistoj frumatene deĵorantaj, geservistoj de la stacidomo, proksimaj hotel- kaj gastejoj, la personaro de la nokta enurba gardservo, ĵus fininta sian deĵoron kaj la taksi-ŝoforoj. La sinteno kaj konduto de la mespartoprenintoj estis ĉiam, ankaŭ dum karnavalo, respektplena.

MARIA ŜOT.

★

## La malamikeco inter la Katolikoj kaj la « Orange »-anoj en Irlando

La du novaj Ŝtatoj en Irlando, la Libera Ŝtato (An Saorstát) kaj la Norda Irlando montras diferencojn kompreneble netroveblajn en la mondo nuntempe. Pere de lukto sanga kaj peniga kontraŭ Anglujo naskiĝis la Libera Ŝtato, sed la popolo de Norda Irlando preferas resti kiel kolonio de Anglujo. En la Libera Ŝtato, kvankam la protestantoj estas nur la deka parto de la loĝantaro, kvankam ili konservas la bienojn kaj riĉaĵojn kiujn iliaj prapatroj konfiskadis al la katolikoj, ili povas sendanĝere vivi kaj tute ĝui la privilegiojn de civitanoj, sed en Norda Irlando la katolikoj, kies prapatroj posedis la tutan provincon, formas, malgraŭ persekuto, la trian parton de la popolo, tamen ili devas bataladi por iliaj rajtoj, eĉ por malhelpi ilian ekzilon. En la jaro 1922, la Orange-anoj, helpataj sendube de framasonoj, penadis per la bruligo de propraĵoj kaj la mortigo de katolikoj forigi iliajn senkulpajn [illegible] la Libera Ŝtato estas bonfarema, tolerema. La oranĝa Norda Irlando estas malema kaj bigota.

Antaŭ nelonge okazoj indikis, ke persekuto komencas denove. La Orange-anoj volis aranĝi, en la Libera Ŝtato, publikan paradon, kiun la sud-Irlandanoj malebligis furioze. Ĉi tio donis al la Orange-anoj pretekston por komenci en Norda Irlando rabaĵon perfortan kaj se eble mortigon, kontraŭ la katolikoj. La katolikaj butikoj en Portadown suferis perdon de ĉirkaŭ £ 1.000. En Armagh, omnibuso, en kiu estis du katolikoj, estas elektrita por ruinigo kaj la katolikoj devis resti strečitaj sur la planko dum du horoj. En Lisburn, pli multe ol kvar cent Orange-anoj atakis katolikajn magazenojn, la pastran domon, kaj la preĝejon. Ili rompis ĉiujn vitraĵojn en la paroĥa salonego. La apuda monaĥinejo ne restis sendanĝera, la kanajloj uzis ŝarĝveturilon por batadi la pordon de la monaĥinejo. Bonŝance, la policanoj alvenis ĝustatempe kaj savis la domon.

Fratulo EDMUND, M. A., F. S. C.

## La katolika gazetaro kaj la nia

La ĉiusemajna ŝatata gazeto *La Vie catholique*, el Parizo, sciigis siajn legantojn pri la elirado de nia organo, kiu estas la praktika aplikado de la internacia lingvo al la Katolika Agado sub la patronado de la eklezia hierarĥio.

La Nederlanda revuo por la familio *Heilige Familie* reproduktis, en sia numero de la 20 septembro, niajn informojn pri la aperoj de la Sankta Virgulino en Santa Lucía de Ezquioga, Hispanujo.

*La Última Hora,* ĵurnalo el Palma de Mallorca (Hispanujo), represis, en sia numero de la 26 septembro, tri informojn el nia gazeto pri la Eŭkaristia Kongreso en Dublin, la asocio de la eksmilitintaj pastroj en Francujo kaj pri la religia situacio en Rusujo.

La *Mitteilungen für die Vorsteher des Katholischen Gesellenvereines,* el Köln (Germanujo), citis, en sia numero de la 1 oktobro, nian organon pri la artikolo publikigita en nia numero de la 7 junio pri la internacia kunveno de la Katolika Junmetiista Unuiĝo.

## Kontrakto inter la Sankta-Seĝo kaj la faŝista registaro

Kiam nia antaŭa numero estis jam en presado okazis interkonsento inter la Sankta-Seĝo kaj la faŝista registaro. Ni tiam ne volis rapide priparoli la aferon, ĉar alvenis nur informoj de pres-agentejoj, kaj oni estas neniam tro singardema rilate al informoj pri la rilatoj de la Papo kaj la Faŝismo. Eĉ nun, post preskaŭ monato, estas ankoraŭ malfacile havigi al niaj legantoj ĝustajn opiniojn pri la nova okazintaĵo, kiu kaŭzas novan pacon inter Katolikismo kaj Faŝismo. Ho! ne doktrina paco, sed nur fakta kaj vivrimeda paco. Jen do unue la teksto mem de la kontrakto.

« Sekve de konversacioj inter la Sankta-Seĝo kaj la Itala registaro pri la dissolvo de la rondoj de junularo dependanta de la Katolika Agado itala kaj ĝenerale pri la aktiveco de tiu ĉi, oni sukcese atingis interkonsenton laŭ la jenaj terminoj :



Romo estas tute plena de Papaj memorajoj.
Kaj S-ro Mussolini ne povas ignori la Papecon.

« 1-e La Katolika Agado itala estas esence eparĥia kaj rekte dependas de la episkopoj, kiuj elektas la pastrajn kaj laikajn gvidantojn. Estos ne-elekteblaj, kiel gvidantoj, tiuj, kiuj iam apartenis al partioj kontraŭaj al la reĝimo. Laŭ ĝiaj celoj religiaj kaj supernaturaj la Katolika Agado ne prizorgas politikon, kaj en ĝiaj eksteraj organizaj formoj ĝi sin detenos de ĉio, kio estas tradicie propra la politikaj partioj. La flago de la lokaj asocioj de la Katolika Agado estos la standardo nacia.

« 2-e La Katolika Agado ne havas en ĝia programo la starigon de profesiaj asocioj kaj de metiaj sindikatoj ; ĝi ne do celas taskojn de sindikata fako. Ĝiaj internaj sekcioj profesiaj, nuntempe ekzistantaj kaj celataj de la leĝo de la 3 aprilo 1926, estas starigitaj por celoj ekskluzive spiritaj kaj religiaj, kaj intencas krome kunlabori por ke la sindikato laŭleĝe starigita ĉiam plibone agas laŭ la principoj de interrilato inter la klasoj kaj laŭ la sociaj kaj naciaj celoj, kiujn, en katolika lando, la Ŝtato intencas trafi pere de la nuna organizaĵo.

« 3-e La junulaj rondoj dependantaj de la Katolika Agado nomiĝos « Junula Asocio de la Katolika Agado ». Tiuj grupoj rajtos havi membrokartojn kaj insignojn rigore respondantajn je iliaj religiaj celoj. Ne estos por la diversaj asocioj aliaj flagoj ol la nacia standardo kaj la religiaj flagoj.

« La lokaj grupoj sin detenos ekzerci iun ajn aktiveco de atleta kaj sporta tipo, sin kontentigante per kunvenoj amuzaj kaj edukaj kun religia celo. »

Oni multe verkis pri tiu nova kontrakto inter la Sankta-Seĝo kaj la Itala registaro. Kelkaj skribis, ke Faŝismo venkis la Papecon. Aliaj, ke la Papo cedis al Mussolini. Ni opinias, ke la vero estas en la mezo de tiuj ambaŭflankaj opinioj.

Kaj Franca gazeto, kiu tute ne estas klerikala, *L'Ère Nouvelle*, bone resumis la situacion, en sia numero de la 3 septembro :

« Kia estis la ĉefa demando ? Temis pri la ekzisto en Italujo de aliaj grupoj, de aliaj asocioj, ol tiuj kies esenca tasko estas genufleksiĝi antaŭ la « Duce ». Temis precipe ĉu estis, ultramonte, alia kulto ol Faŝismo, alia Dio ol Mussolini.

## INFORMOJ EL LITOVUJO

### « Reformigo » de la Teologia kaj Filozofia Fakultato

Dum la varmaj someraj tagoj la naciista registaro bakis novan leĝon : longe atencan reformigon de la Katolika Fakultato ĉe la Universitato. Tiucele estas forstrekitaj kvar katedroj kaj forigitaj dekok profesoroj, inter ili Lia Episkopa Moŝto M. Reinys, D ro Bistras, D-ro Eretas.

La reformado precipe celis la filozofian sekcion, kie studadas plejgrandparte laikuloj, ĉar la registaro intencas akiri la junularon al sia partio ; sed ankaŭ la teologia sekcio estas iel reformita sen scio de la episkoparo. Jen « kompetentaj » reformuloj eĉ en ekleziaj aferoj ! Jen nova interpreto de la konkordato ! Ni atendu, kion diros niaj paŝtantoj-episkopoj. Oni scias ja, ke laŭ la konkordato kun la Sankta-Seĝo la registaro devas subteni la katolikan fakultaton ĉe la Universitato.

### Fondota Katolika Universitato

Post ĉi tiu « reformigo », kiu laŭdire ne el ekonomiaj motivoj fluas, la ĉefuloj de la Katolika Agado unuvoĉe decidis, la 21 aŭgusto, fondi Katolikan Universitaton, kaj ekpeti la Katolikan Sciencan Akademion, kies prezidanto nune estas Prelato D-ro Dambrauskas, tiucele verki universitatan statuton.

La entrepreno estas gravega. La bona Dio eble helpos plenumi ĝin.

### Junulara movado

Niaj lernantoj de mezlernejoj agas eĉ dum libertempoj, t. e. okazigas kunvenoj kun paroladoj, referatoj ; kio en antaŭa tempo dum libertagoj ne praktikata estis. Ili serĉas tiucele kvietan lokon, ekzemple en forlasita malnova kapelo de tombejo, en paroĥestra ĝardenlaŭbo, ktp. Iu vigla kaj amata akcelulo de la junulara rakontas, ke similaj kondiĉoj por la junulara movado ekzistis ankaŭ dum lia junaĝo, kiam peza mano de rusoj premadis nin. Tiu ĉi homo estas Lia Episkopa Moŝto Kazimiro Paltarokas. Komprenεble same opinias ĉiuj niaj ĉefuloj-sociuloj.

### Mallumfiloj

En nia lando estas filoj de la mallumo, t. e. registara partio-naciuloj. Ni scias, ke mallumfilo timas lumon. Ankaŭ naciuloj timas eĉ malgrandetan radion de la lumo. Plej multe ili timas lumon en la katolika gazetaro kaj, havantaj cenzuron, ili malpermesas al la enlandaj katolikaj gazetoj presi verajn informojn. Tial la registaro persekutadas translimajn katolikajn gazetojn, kiuj havas verajn informojn pri nuna litova katolika vivo. Tial ĝi kelkfoje malpermesis eniri Litovujon al la internacia gazeto *Katolika Vivo*.

Sed ni kredas, ke la lumo iam venkos la mallumon.

XXX.

## Familia Libreto

### NASKIĜOJ

Gesinjoroj Petro Carrière sciigis al ni la naskiĝon de ilia filino, nomata Aldegonde-Marie, okazintan la 12 septembro lasta en Kerrata (Alĝerio). Niajn gratulojn al la feliĉaj gepatroj kaj niajn tutkorajn bondezirojn al la bonfarta infanino.

### HONOROJ

Nia ŝatata samideano Pastro Henriko Violi, el Milano, estis lasttempe honorigita per la titolo de Papa sekreta kameristo. Tiun bonan sciigon al ni alportis lasta numero de la *Acta Apostolicæ Sedis*. Al Monsinjoro Violi ni respektplene prezentas niajn tutkorajn gratulojn.

### EDZIĜOJ

S-ro H. McNiel Macauley, nia sindonema abonperanto kaj lerta korespondanto en Dublin, Irlando, edziĝis, la 18 septembro, kun F-ino M. O'Brien. Al la nova paro niajn tutkorajn bondezirojn.

« Nu, tiu demando estas klare respondita, kaj profite al la Vatikano. La katolikaj organizaĵoj povas libere realigi siajn spiritajn kaj religiajn celojn ; ili gardas sian liberecon de penso ; ili liberiĝas de la intelekta kaj morala sugestio de la Faŝismo. »

MAX ROUB




■ Eparĥia kunveno de la Katolika Agado okazis en Quimper (Francujo), sub la prezido de Lia Episkopa Moŝto Duparc. En ĝi partoprenis 12.000 Bretonoj.

■ Lia Kardinala Moŝto Bourne, episkopo de Westminster (Anglujo), vizitis la Kolonian Ekspozicion en Parizo. Tiuokaze solena meso estis celebrata en la Misia Pavilono, en la ĉeesto de multaj eminentuloj, inter kiuj Kardinalo Verdier, ĉefepiskopo de Parizo, Liaj Episkopaj Moŝtoj Chaptal, Crépin, Le Hunsec, Marŝalo Lyautey, Generalo Gouraud, S-ro de Fontenay, franca ambasadoro ĉe la Sankta-Seĝo. Ĉeestis ankaŭ multaj diverslandaj misiistoj el diversaj kongregacioj. Vere internacia kunveno, kiu montris la universalecon de la katolika Eklezio.

■ La III-a Internacia Semajno Katolika sukcesplene okazis en Ĝenevo (Svislando), fine de septembro. Kiel la antaŭaj tiu ĉi semajno estis organizita de la Katolika Unuiĝo por internaciaj studoj, kies prezidanto estas S-ro Gonzague de Reynold, fame konata en la internaciaj medioj katolikaj.

■ La XIII-a nacia kongreso pri la naskiĝeco okazis, de la 24 ĝis 27 septembro, en Grenoble (Francujo), sub la prezido de S-ro François Marsal, eks-ministroprezidanto. Kiel kutime estis katolika fako, kies kunvenojn prezidis Msro Chaptal, helpepiskopo en Parizo, kaj Msro Caillot, episkopo de Grenoble. La katolikaj oratoroj pristudis speciale la edziĝon kaj la familion laŭ la lasta Papa encikliko pri la sama demando.

■ Kardinalo Ragonesi, prefekto de la Papa Subskribοficejo, mortis en Pistóia (Italujo), la 14 septembro. Li estis 81-jara.

■ La itala ĵurnalo la *Tribuna* informis, ke dum la riparaj laboroj nun okazantaj en la preĝejo Sankta-Petro en Ripoli, oni malkovris freskon de la mezo de la XV-a centjaro. Verŝajne ĝin pentris Spinello Aretino.

■ Msro Picaud, titola episkopo de Lutreo kaj helpepiskopo en Vannes, estis enoficigata episkopo en Bayeux (Francujo). En tiu eparĥio kuŝas Lisieux, urbeto tutmonde fama pro sankta Tereso de Jesu-Infano. La Papa ankaŭ elektis episkopo de Aire kaj Dax (Francujo) Msron Clément-Joseph Mathieu, ĝenerala vikario en Bayonne.

■ En Jerusalemo estis konsekrata, la 11 septembro, la baziliko Sankta-Petro-en-Gallicante. Tiu nova baziliko, konstruita laŭ la planoj de Pastro Stefano Boubet, A. A., kuŝas sur la loko, kie estis la domo de Kaifo kaj kie sankta Petro ploregis sian trioblan malkonfeson.

■ 30.000 Francaj katolikoj kunvenis en Sainte-Anne-d'Auray, sub la prezido de Msro Tréhiou, episkopo de Vannes, por memorfesti la jarcenton de la libereco por instruado en Francujo.

■ Sukcesplene okazis, meze de septembro, en Lisboa, la unua misi-kongreso de Portugalujo, sub la prezido de Kardinalo Gonçalves Cerejeira, patriarko de Lisboa, kaj ĉiuj Portugalaj episkopoj. Ĉeestis multaj eminentuloj. Tiuokaze estis organizita tre instrua misi-ekspozicio. La kongreso finiĝis per grandioza procesio tra la bele ornamitaj stratoj de la ĉefurbo.

■ En Napoli (Italujo) okazis, la 19 septembro, la kutima miraklo de sankta Januario en la katedralo tutplena de popolamaso. Kanonpafoj anoncis la miraklan fluidiĝon de la sango de la Sanktulo.

■ Impona Eŭkaristia Kongreso okazis en Rodi-insulo ; partoprenis multaj personoj el Italujo, Egiptujo, Smirno, Meza Azio kaj el insuloj de la Ege-maro. La Granda Majstro de la Ordeno de Malta : Princo Chigi, kaj multaj ĉefepiskopoj kaj episkopoj ĉeestis.

■ La festo de sankta Teresio de Jesu-Infano estis celebrita, la 30 septembro, en Lisieux (Francujo), sub la prezido de Kardinalo Segura y Saens, primato de Hispanujo, kiu estas ekzilita nuntempe el sia lando. La Pontifikan Meson diris Msro Pasquet, episkopo de Séez. Predikis Pastro Héret, Dominikano.

■ La faŝista prefekto de Bologna (Italujo) haltigis la forsendon kaj la vendadon de la katolika jurnalo *Avvenire d'Italia*, pro ĉefartikolo pri la 20 septembro 1870, kiam estis forigita la papa ŝtato de la itala ŝtato. La prefekto opinias, ke la artikolo atencas je la unueco de Italujo.

■ Mil ducent membroj de la Franca Junularo Laborista Kristana pilgrime iris al Romo kaj estis tutkore akceptitaj de la Papo.

■ Fine de septembro okazis en Parizo la katolika kongreso pri radio kaj kinematografo.

■ De nun Terezio Neŭmann, la viziantino de Konnersreuth, estas en Speyer ĉe la episkopo.

■ Msro Tomaso Dunn, katolika episkopo de Nottingham (Anglujo), mortis, la 21 septembro, 61-aĝa.

■ Dimanĉo la 27 septembro estis signita per du grandaj katolikaj manifestadoj en Francujo, okaze de la celebrado de la jarcento de la instrua libereco. Okazis ja kunvenoj en Roche-sur-Yon kaj en Folgoat, kiuj grupigis reciproke 75.000 kaj 30.000 katolikajn virojn ĉe iliaj respektivaj episkopoj, Msro Garnier, episkopo de Luçon, kaj Msro Duparc, episkopo de Quimper.

■ Kardinalo Leme de Silveira Cintra, ĉefepiskopo de Rio de Janeiro (Brazilo), estis enoficigita kiel Papa Legato por la inaŭguro de la grandega monumento de Kristo-Reĝo sur la monto Corcovado ; la ceremonio okazos la 12 oktobro.

■ Msro Gaillard, episkopo de Meaux, estis translokata de la seĝo de Meaux al la ĉefepiskopa seĝo de Tours (Francujo).

## Solvo de senlaboreco en Hispanujo

Lia Episkopa Moŝto D-ro Francisko Valiente, S-roj Provincestro, Deputatestro, parlamentanoj kaj urbestroj el Salamanko, Bejar, Ciudad Rodrigo, Peñaranda, Tormes, Ledesma, Vitigudino kaj aliaj komercaj, industriaj, laboristaj reprezentantoj, kunvenis la 31 aŭgusto por solvi la problemojn pri senlaboreco.

Elokvente paroladis Lia Episkopa Moŝto, kuraĝigante la aŭdantaron. Do la problemo ne apartenas al dekstraj nek maldekstraj flankoj sociaj nek politikaj, ĉar ĝi nur dependas de komuna kristana karitato. Li promesis riparigi ĉiujn preĝejojn de sia eparĥio por havigi laboron al senlaboruloj.

Unuanime, li estis tre laŭdata de la ĉeestantaro.


KATOLIKA VIVO
DUSEMAJNA GAZETO INTERNACIA

DIREKCIO kaj REDAKCIO
10, Rue Pergolèse — PARIS-XVI
Telefono : Paris-Passy 06-30 aŭ Paris-Elysées 85-84
Telegrama adreso : Ramboux, Croibayar-Paris-86
La direktoro akceptas merkrede kaj sabate de la 14-a ĝis la 18-a, kaj laŭ interkonsento.

ADMINISTRACIO
10, Rue Pergolèse — PARIS-XVI
Poŝta ĉekkonto : Ramboux Georges, Paris nº 281.40

ABONPREZOJ :

| | jara | duonjara | kvaronjara |
|---|---|---|---|
| Por Francujo kaj ĝiaj Kolonioj . . fr. fk. | 30.— | 16,— | 8 50 |
| Por landoj kun rabata poŝttarifo . fr. fk. | 35.— | 18.50 | 9.75 |
| Por aliaj landoj fr. fk. | 40.— | 21.— | 11.— |

La abonoj komencas la 1-an de ĉiu monato.
Ĉiu abonanto al *Katolika Vivo* ricevas ankaŭ la monatan revuon ilustritan *Espero Katolika*.
La abono daŭras, se ni ne ricevas kontraŭmendon, kaj sekve ĝi estas tuj repagota.

Oni abonas aŭ reabonas :

1-e Rekte al la administracio de la gazeto, ĉu per nia poŝtkonto (Ramboux Georges, Paris nº 281.40), ĉu per naciaj bankbiletoj aŭ bankĉekoj, pageblaj en Parizo, sendataj en registrigita letero ; ankaŭ per internacia poŝtmandato.

La posedantoj de poŝtĉekkonto en la sekvantaj landoj : Aŭstrujo, Belgujo, Ĉehoslovakujo, Danujo, Danzigo, Franca Okcidentafriko, Germanujo, Hungarujo, Jugoslavujo, Luksemburgo, Maroko, Nederlando, Saarteritorio, Svedujo, Svisujo kaj Tunizio, povas pagi per internacia poŝtĉektransigilo al franca poŝtĉekkonto nia.

2-e Pere de la enlandaj abonejoj ĉi-sube menciitaj, sammaniere aŭ per ilia poŝtkonto :

*Por Anglujo* : S-ro J. E. Hookham, 45, Holmesdale Road, en Teddington (Middlesex).

*Por Aŭstrujo* : S-ro Karl Dürschmid, Herrengasse 23, Graz. Poŝtkonto nº 122.791.

*Por Belgujo* : S-ro César Vanbiervliet, Audenaerdesteenweg 100, Kortrijk. Poŝtkonto nº 2289.27.

*Por Ĉeĥoslovakujo* : S-ro Fr. Kozel, Trebizského 474, Praha-Koŝire. Poŝtkonto nº 89.927.

*Par Germanujo* : S-ro J. Thomalla, Harsdoferstr. 7 k. Magdeburg-W. Poŝtkonto nº 9.728.

*Por Hispanujo* : Pastro Font Giralt, Seminario de Santa María del Collell, Gerona-Bañolas.

*Por Irlando* : S-ro H. McNiel Macauley, 1, Wellington Quay, Dublin, C. 4.

*Por Nederlando* : Firmo W. van Eupen, Wal 2-a, Eindhoven. Poŝtkonto nº 19.313.

*Por Polujo* : S-ro M. Janik, Świerklany-Dolne (Rybnik). Konto P. K. O. 303.779, Katowice.

*Por Svislando* : S-ro Hans Finkel, ĉe S-ro R. Künzler, Werdstr. en Heiden (App.)




# Religia Historio de Norvegujo

Verkita de Lars Eskeland
fama Norvega edukisto
kiu konvertiĝis, en 1925, al Katolikismo.



S-ro Lars Eskeland

Ĉe epoko de Vikingoj, la nordaj landoj nur eliĝis el la nebulo, kiu ĝis tiam kaŝis ilin. La bruta forto de ilia karaktero timigis tutan Eŭropon. Ilia idealo estis sovaĝa : ne konvenis ke viro ploru, lia konscienco devas esti kruda, la plej eta sentemo ne devas dolĉigi lian koron.

Tamen la Vikingoj konis vivon « trans la vivo », feliĉan vivon, kiu postsekvas malfeliĉan ; ili konis « vivigantan arbon » kaj « vivigantan akvon » ; ili havis ideon malklaran pri ama vivo, kiun oni povas atingi nur per suferoj.

Praa Norvega poemo havas kiel heroon, viron nomatan Svipdag (tiu, kiu similas la taglumon). Li arde deziras trovi la plej bonan virinon en la mondo. Li iras al la tombo de sia patrino, maldormigas ŝin kaj petas ŝin pri konsiloj. Kiam li havas ilin, li trapasas akvon kaj fajron por atingi la celon. La virino dezirata loĝas en Lyvjaberg (Monto de Saneco). Tie, ili vivos de nun, ĝis la fino de la tempoj ; neniu malsano ne povos trafi ilin, neniu malbono ne povos malkvietigi ilian feliĉon... Nu, la « viviganta akvo », la « monto de Saneco » estis donataj al ili de la Eklezio de Jesu-Kristo, kiam ĝi venis por konkeri iliajn krudajn mensojn. Tiam ili vidis, kiel la aliaj kristanaj popoloj, ke en la Eklezio nur, troviĝas la dolĉiĝo de ĉiu sufero, la kuraco de ĉiuj malsanoj.

### I. — Konverto de la Vikingoj

La Vikingoj ekkonis Kristanismon en siaj vojaĝoj rabemaj, kaj jam de la unua duono de la IX-a jarcento la kristanaj misiistoj penetris la Nordlandojn. Ni memoru precipe pri sankta Anskario, monaĥo el Corbie'a monaĥejo, sendita en Danujon kaj en Svedujon de Ludoviko la Trobonanima. Lia arda zorgo igis lin nemortebla en ĉiuj memoroj. Li estis vera laboristo de Nia-Sinjoro : tial prave, oni nomas lin, la apostolo de la Nordlandoj. La dekunua centjara datreveno de sankta Anskario estis solenata antaŭ kvar jaroj en Danujo kaj lastan jaron en Svedujo.

Malgraŭ ĉio ĉi, Kristanismo komence ne multe progresis en tiuj du landoj. En Svedujo precipe, la paganismo daŭre vivis pli ol en la najbaraj landoj. Sankta Anskario neniam venis en Norvegujon. Malmultaj misiistoj enpenetris ĝin, kaj la popolo restis pagana ĝis kiam du el niaj plej grandaj reĝoj entreprenis eligi ĝin el la mallumo. Estas unue Olav Tryggvason, bela, elokventa, brava, lerta en la korpaj ludoj, de ĉiuj amata. Ricevinte la bapton en Anglujo, li reiras al sia lando kaj ne ripozas ĝis kiam li vidas Kristanismon akceptata de la norvega leĝaro, same kiel de la landoj dependantaj de Norvegujo : Orkadoj, Shetlando, För-Oëer, Islando, Grönlando. Tamen, post lia morto en la batalo de Svolder (jaro 1000-a) kontraŭ Svedoj kaj Danoj, Norvegujo reiras al Odin'a kulto kaj estas nur savata per la alveno de tiu, kiu establos en la landon la katolikan Eklezion : sankta Olav. Ni ĵus solenis la IX-an jarcentan datrevenon de lia martira morto : la tuta norvega popolo unuiĝis en tiu memorigo ; la la najbaraj landoj kaj eĉ aliaj ankaŭ, kiel Francujo, partoprenis en tiuj solenoj neforgeseble belaj. Ni ŝuldas specialan dankon al Francujo, ĉar en Normandujo ricevis sankta Olav bapton kaj konfirmon. La duko kaj ĉefepiskopo de tiu provinco estis el norvega raso, kiel ankaŭ episkopo Rudolv, kiu sekvis lin en Norvegujo. Aliaj presbiteroj kaj unu episkopo ankaŭ venis el Anglujo al li. Per arda zorgo kaj malofta energio, la reĝo ekmarŝas al la celo : liberigi sian landon de la fremda jugo, krei unu unikan nacion kaj doni al ĝi leĝaron bazitan sur la kristanaj principoj, unuvorte reestabli Kristanismon.

Sed la popolo ne estis sufiĉe preparata por rapide aliformiĝo. Ĝi ribelis, precipe kontraŭ la kristana leĝaro, kiu tute ne estas la leĝaro de la glavo, sed tiu de la justeco — sama por la grandulo kiel por la malgrandulo. La granduloj ne povis tion akcepti ; sankta Olav estis mortigata kaj la lando denove refalis sub la jugo de la malamiko. La norvega popolo nur poste komprenis, ke tiu lukto ne estis farita por la propra intereso de la reĝo, sed por Kristo kaj Norvegujo. *« Per sia sango, li markis la krucon sur la Norvegan teron »* diris unu el niaj poetoj. Norvegujo bedaŭris sian krimon kaj el tiu bedaŭro naskiĝis la deziro penti. La reĝo estis venkata, sed la sanktulo venkanta kaj li fariĝis la sanktulo de Norvegujo por eterneco : tia estis lia revo. Atingata estis la celo : liberigi la landon, establi la Eklezion, adopti la kristanan moron. Kaj ĉio ĉi fariĝis rapide : kvin jarojn poste la fatala batalo, la popolo forpuŝis la malamikon, kaj elektis reĝo la junan Olav, kaj forlasis ĉian paganan kulton, kaj proklamis la martiran reĝon sanktulo.

La marvojaĝoj de la Vikingoj estas nun anstataŭataj de la krucmilitoj kaj de la pilgrimadoj. La iamaj vojaĝoj celis venki la homojn per la rajto de la pli forta ; la nunaj celas venki sin mem per la forto de Kristo. La idealo ŝanĝas kaj iĝas plej granda : fari karitverkojn, helpi la malgrandulojn, la malfortulojn, jen la novaj virtoj. Eĉ plori, ne plu estas honto, ĉar ĉiu homo pro io devas bedaŭri kaj penti.

La popolo supreniris rapide al civilizacio kaj al gloro. Ni, kun fiereco, memoras pri tiu epoko : el ĝi, ni ĉerpas forton kiel Svipdag prenas el sia patrino bonajn konsilojn.

Nur la Eklezio kapablis konduki la nacion al tia alta stato. Kardinaloj Nikolao Breakspeare (kiu vizitis en 1152 Norvegujon por fondi ĉefeparĥion en Nidaros) kaj Wilhemo de Sabine (cent jarojn poste), miris kiam ili trovis ĉe tiuj eksbarbaroj, tiel fortan kulturon kaj tiel kristanan spiritecon. Cetere, tio, kion ni konservas el tiuj praaj tempoj estas atesto pri la ege rapida aliformiĝo de la popolo, pri la progresoj alportitaj kun si de Katolikismo. Jen, multaj poemoj rimarkindaj pro ilia morala forto ; rakontoj pri norvegaj reĝoj (Sagas) ; bela muziko ; la « Spegulo de la Reĝoj » (valora verko pri juro, moroj, regado, ktp.) ; belegaj konstruaĵoj ; multaj preĝejoj (tiaj kia la katedralo de Nidaros, la plej perfekta en Norvegujo kaj en ĉiuj nordaj landoj, vera ŝtona poemo, kiun denove la popolo ŝajne ŝatas). Ege interesaj estas ankaŭ la preĝejoj faritaj el interplektitaj lignopecoj (stavkyrkjor) tute originalaj kaj propraj je nia lando : rigardante ilin, ŝajnas ke oni vidas barkegon de Vikingoj finpreta por la marveturo kaj iĝinta la loĝejon de *Kristo-Blanka* (1) ; rabema ŝipo fariĝis hostimontrilo !

### II. — Epoko de la protestanta reformo

Sed tiu feliĉa tempo baldaŭ malkvietiĝas : la prospereco, kiu ĝis tiam estis certigata kaj kreskanta, nun haltas. La Luther'a ribelo disvastiĝas en la Nordlandoj per rimedoj, kiujn neniu lojala historiisto neniam povos pravigi. La religia stato estis bona kaj la fideloj nur deziris vivi pace en Katolikismo, sed la reĝoj havis aliajn celojn : ili deziris la reformon pro politikaj motivoj kaj devigis la popolon akceptis ĝin. Tio perforta dekreto havis sekvojn ege malbonajn [illegible] estis kiel nokto de ŝtormo ĉion detruanta.

Norvegujo estas la plej suferinta nacio, ĉar la Reformo havis kiel konsekvencon la nacian malprosperon, el kiu ni ankoraŭ ne plene eliris. Ni suferis periodon de ekonomia kaj politika mizero, kiu estis pli akra en nia lando ol en la aliaj skandinavaj landoj. Kiam la praa reĝa familibranĉo estingiĝis, ni unuiĝis unue al Svedujo kaj poste al Danujo. Estas la dana-norvegaj reĝoj kiuj devigis la popolon akcepti la Reformon : ili cetere estis el germana deveno, kio iom klarigas, ke ili estis tiel facile konkirataj de la religia movado naskita en tiu ĉi lando.

La religiaj konstruaĵoj kaj la ekleziaj posedaĵoj estas konfiskitaj je profito de la reĝestraro. Multaj objektoj por kulto estas prenataj al la preĝejoj, tiel ke iufoje la pastroj ne plu povas disdoni la sakramentojn. Ĉion oni kondukas en Danujon kaj metas en la publikan trezoron. La valorega relikvujo de sankta Olav estas prenata el la katedralo de Nidaros ; poste reĝa sendito venas kaj ŝtelas la sanktan korpon kaj enterigas ĝin en sekretan lokon... Nenian oni retrovis ĝin. Pluraj el niaj plej grandaj kaj plej belaj preĝejoj estas detruataj kaj la konstrumaterialo sendata en Danujon por konstrui reĝajn kastelojn.

Pli malbone grave estas, ke la reĝoj sin proklamas plenrajtaj estroj pri religiaj aferoj : tiel ili devigas siajn subulojn forlasi Katolikismon kaj akcepti la reformojn de Luther. La dana-norvega reĝo eĉ faras sin « plej alta episkopo ». En Norvegujo, laŭ reĝa ordono, la novaj pastroj dum longa tempo provas kaŝi je la popolo la aliformiĝo, kiu fariĝas. Tamen la daŭre lumanta lampo de la altaro iam malaperas kaj la fideloj estas forprenataj el la patrino-Eklezio. Baldaŭ estas la katolika meso malpermesata per reĝa dekreto kaj ĉiu fidelo malakceptanta perdas sian civitrajton. Iu ajn agado por reveni al la Eklezio estas malmodere kontraŭbatalata. Estas forlaso de ĉio, kion la popolo konsideras kiel sanktegan, estas forlaso de la kristana moro, de ĉio, kio faras la vivon feliĉa. Estas forlaso tiel neatendita, ke la fideloj eĉ ne rekonas la benitajn lokojn, siajn iamajn sanktejojn. *« Sankta Olav kaj la Virgo-Patrino forpelataj el la muroj de la preĝejoj lasis lokon, kiu ĉiam estas neokupata »* diras la skaldo Björnstjerne Björnson. Verdire, tuj kiam la popolo komprenis tion, kio okazis, li falis en malboniĝan staton moralan, kiu estas la plej bedaŭrinda en nia historio. Same estas laŭ nacia kaj politika vidpunkto.

Cetere ne rajtas plendi Svedujo kaj Danujo, precipe Svedujo : tiu lando altiĝas ĉe la unuan rangon inter la Eŭropaj landoj sekve de la tridekjara milito ; tiuj memorigoj ligas ĝin al Protestantismo. Ne estis same pri Norvegujo. La maljuna eklezia provinco, kies metropolo estis Nidaros, kiu enhavis dek eparĥiojn, nun ne plu ekzistas. La nacio ŝanceliĝas sur siaj bazoj, ĝi ne povas konservi sian sendependecon ; senfortigita, ĝi estas rabaĵo por siaj malamikoj. La lingvo de la lando, unu el la plej poluritaj kaj plej bela de la tiama Eŭropo, estas oficiale anstataŭigata de la dana lingvo, forigata el la Eklezio, el la Ŝtato, el la lernejo, el ĉia intelekta vivo : ĝi iĝas ĵargono.

Kaj sur la seĝo de Petro, kiun Nia-Sinjoro instalis kiel estron de sia Eklezio, sidas la Reĝo kaj Luther.

Oni bone asertas, ke forigi ĉian eklezian aŭtoritaton, estos avantaĝo por la Religio, sed tre baldaŭ oni konstatas la malon. Pli kaj pli la kredo de la Eklezio mallumiĝas kaj samtempe la vizaĝo de Kristo malheliĝas. Kaj tiuj, kiuj devas instrui lian doktrinon, nun ekdiskutas pri lia persono, demandas sin kiu li estas kaj ĉu li rajtas havi kulton kaj ĉu li havas dian aŭtoritaton ? La popolo iom post iom perdas la fundamenton de sia kredo ? Tio okazis precipe dum la racionalista epoko : tiu fluo de senkredemo, de sarkasma sakrilegio, de neado pri diaj aferoj trapasis Eŭropon dum la dua duono de la XVIII-a jarcento ; ĝi estis la verko de Voltaire kaj de la Enciklopediistoj. Rapide, kiel glacia vento, ĝi penetras en la Nordlandojn kaj konkiras la mensojn.

*(Daŭrigota.)*

Trad. Jean Duffaud.

(1) *« Hvite Krist »* estas la nomo ĝenerale donita de la unuaj kristanoj norvegaj al Kristo. (Noto de tradukinto.)




Jubilea memorbildo pri sankta Anskario
apostolo de la nordaj landoj


organizu
ponumeran
vendadon
de nia gazeto
en via urbo
☆
vidu
specialajn prezojn

**Propagandu ĉien nian gazeton**

## Elekto de la Ligprezidanto en Aŭstrujo

En oktobro nj. okazos la elekto de la ligprezidanto per la popolo. Ŝajnas, ke tio estas malagrabla al la socialdemokratoj. Ili ree volas la elekton (kiel ĝis nun) en la parlamentejo. Tie ili povus elserĉi prezidanton laŭ sia gusto, per la jam sufiĉe konataj mistifikoj kaj krom tio, por jam antaŭe ligi liajn



S-ro Wilhelm Miklas

manojn ili starigus kondiĉojn. Ni dankas por tia prezidanto! Certe estas ĝojiga fakto, ke kristan-nacia partio, konsiderante la postenon de la ligprezidanto, disponas pri nombro da viroj. Oni decidis en kunsido, rekomendi la reelekton de la ĝisnuna ligprezidanto Wilhelm Miklas, kiu estas, kiel ĉiu objektiva prijuĝanto devas diri, je lia malfacila kaj respondecplena posteno, plene kaj tute sperta. Lia oficgvidado estis ne kritikebla. Per lia afabla estajo kaj bonega karaktertrajto, Ligprezidanto Miklas akiris amikojn eĉ ekster la partianoj kaj precipe inter la kampara loĝantaro; tio certe utilos lian kandidatecon. Ni, katolikoj, honoras en Ligprezidanto Miklas, la ĉiam konvinkfidelan kaj konfespretan katolikon kaj idealan familian patron.

Josef Pich.

**Letervespero 20 okt. 31. Por propagandi inter filatelistoj, ni petas el ĉiuj landoj korespondaĵojn. Se eble surgluu diversajn pm. Ni certe respondos. « Nia Katolika Idealo », Glymesstr. 39, en Bergen op Zoom (Nederlando).**

## Katolika franca junularo helpas germanajn senlaborulojn

*D-ro Krone, membro de la Reichstag, petas nin publikigi jenon, kion cetere li skribis en la katolikaj gazetoj Berlinaj.*

Spite al la maldolĉaj spertoj el la mondmilito, sub kiuj ni suferas ĝuste nuntempe pli ol iam, en ĉiuj popoloj homoj estas agadantaj, kiuj ankoraŭ ne kapablas ekiri la vojon de interkompreniĝo. En tia tempo estas necese rigardadi al la signoj montrantaj, ke funde la homoj tamen interkomprenas kaj volas interkompreniĝi.

Ĝuste en nuua jaro okazis ampleksa interŝanĝo de francaj kaj germanaj lernantoj. Berlinaj lernantoj estis sendataj i. a. al franc-germana libertempa lernejo en Amiens. Tiujn treege kore akceptis la katolika porpaca movado *La Jeune République*, kies gvidanto estas S-ro Marc Sangnier. La francaj gastigantoj aranĝis kolekton, kies rezultaĵo estis destinata por francaj kaj germanaj senlaboruloj.

Ĉar la por germanaj senlaboruloj destinita sumo estas donita al mi, ŝajnas al mi esti mia devo, sciigi pri tiu ago de amplena supernacia helpemo kaj ĉi tie publike danki la junajn francajn katolikojn. Trans la limo kaj maltranse ja kreskiĝas junularo, kiu volas forigi malfidon kaj miskomprenojn, animite de la forta decido konstrui pontojn por utilo de ambaŭ popoloj kaj de Eŭropo, ne lasante sin devojigi per realaj aŭ imagataj malhelpaĵoj. Ni povas deziri nur, ke de tiu spirito de fido estu animataj ankaŭ la baldaŭaj intertraktadoj celantaj internacian malarmadon kaj per tio mondopacon.

# Dua kongreso de la Internacia Katolika Unuiĝo de Laboristoj en Nederlando

La dua kongreso de la Internacia Katolika Unuiĝo de Laboristoj okazis en Utreĥto (Nederlando) de la 4 ĝis la 6 septembro. Ĝi trafis grandan sukceson.

La 4 septembro, je la tria kaj duono, okazis la malfermiĝo. Ĉeestis i. a. S-ro H. Heyman, ministro de Laboro, el Belgujo; Msro D-ro Walterbach, el München; Pastro Belpaire, el Bruselo; Msro D-ro Poels, el Nederlando; Msro D-ro Otto Müller, el Köln; kelkaj senatanoj el Nederlando; S-ro Sarraceno, sekretario de la Internacia Hispana Meti-unuiĝo; Profesoro de Vries, el la Komerca Universitato de Rotterdamo; Pastro el Serbujo; kaj el Hispanujo S-ro Venceslao Consaler Oliveros, profesoro en Granada kaj redaktoro de la jurnalo *El Debate*.

La prezidanto, S-ro J. Joos, germanlingve elparolis la malfermiĝparoladon. Li bonvenigas la diversajn delegitarojn kaj rememorigas Msron Nolens, kiu mortis ĵus antaŭ tiu ĉi okazotaĵo. La parolanto konstatas la nuntempan mizeron, kiu montriĝas materie, spirite kaj morale. Li eldiras la ĝojon, kiun la katolika popolaro sentas pro la apero de la lasta encikliko de la Papo Pio XI-a. Kaj li instigas, ke oni laboru laŭ la principoj de la Eklezio, precipe en la nunaj tempoj.

Poste li laŭtlegas kelkajn envenintajn salutojn.

S-ro A. C. de Bruyn, prezidanto de la Nederlanda Katolika Laboristunuiĝo, salutas la kunvenon. Li ankaŭ rememorigas Msron Nolens, kies morto estas granda perdo, precipe por la Nederlandanoj. Sed li diras, ke ni ankoraŭ posedas Msron Poels kaj li esperas ke oni multe gratulos tiun ĉi pastron, kiu baldaŭ festos sian kvardek-jaran jubileon presbiteran.

Post kelkaj minutoj, dum kiuj oni prezentis al la estraro kelkajn raportojn, S-ro H. Hermans, senatano en la Dua Ĉambro de Nederlando, komencas sian paroladon pri

### La Restarigo de la Socia Ordo

Li parolas pri la kelkuloj, kiuj regas la kapitalon kaj la multuloj, kiujn oni nomas « la proletoj ». Tiun ĉi kreskadon de la kapitalo, kiel tria granda faktoro inter labordonanto kaj laborprenanto, li nomas la socia strukturo de la kapitalo. La amasigo de la kapitalo ĉe kelkuloj estas forpuŝinta la ĝustan celon de la produktado (racia kontentigo de bezonoj) kaj anstataŭinta per nura penado al profito. Tion ĉi li nomas la ekonomia strukturo de la kapitalo. Kaj trie la tekniko venas por helpi la kapitalistojn. Tion ĉi li nomas la teknika strukturo de la kapitalo. La eraro sin trovas tie, kie oni distingas la laboron de la kapitalo. Por ripari la eraron oni devas anstataŭi la « kontrakto de salajro » per « kontrakto de asocio ». La socia ekonomia labororganizo devas subteni la novajn rilatojn. La libera konkuro devas cedi al la regula konkuro. Per tiuj ĉi kaj aliaj rimedoj la klasbatalo malaperos, kaj tio estos prospera por la socia kaj ekonomia laboro.

Post kelkaj minutoj Pastro L. Perguy, O.P., direktoro de la Socia Universitato por laboristoj el Heverlee-Leuven komencas pri

### Restarigo per renovigo de la Kristanaj moroj

La parolanto akcentas, ke la socia justeco kaj la socia amo devos regi super la libera konkuro. Nuntempe la socia kaj ekonomia vivo estas por multe da personoj baro en la vojo por prizorgi la eternan feliĉon. Al tio ŝuldas la nereguligitaj pasioj kaj la nesatigebla deziro al materiaj objektoj. Kaj la homoj, kiuj estas viktimoj de tiuj pasioj kaj deziro, ofte ne observas la leĝojn de Dio kaj la rajtojn de la proksimulo. Kaj la konscienco ofte estas tiel forpuŝita, ke oni ne plu sentas ĝin. Kaj kompreneble la laboristoj ĉie ankaŭ imitas la kondukantojn de la socia vivo, ankaŭ en ilia subiro.

La dua tago komencis per Sankta Meso en la preĝejo Sankta-Martino. Dum ĉi tiu ni nur citas la jenajn paroladojn: La solviĝo de la ekonomia krizo pere de morala ordigo, de Pastro J. Calsen (Nuth). La dua parolado estis farita de S-ro Jos. Scherrer, el Sankt-Gallen (Svislando), kiu ankaŭ pristudis « La solviĝo de la ekonomia mondkrizo ». Poste oni forsendis telegramon al Lia Papa Moŝto. Ankaŭ la Belga Ministro S-ro H. Heyman diris kelkajn vortojn antaŭ ol foriri. Li konstatis la bankroton de la liberala ekonomio. Nur la katolikoj kapablas solvi la krizon. Li ankaŭ montris la grandan danĝeron en la fabrikejoj por junuloj 15- kaj 18-jaraj. La familian vivon oni devas rekonstrui. *Tial la patrino devas returni en la domon kaj eliri el la fabrikejo.* La prezidanto dankis S-ron Heyman pro tio, kion li faris en Belgujo por la granda familio. Kiel lasta parolanto parolis S-ro H. J. Schmitt, el Germanujo, pri la temo: « La internacia movado de liberpensuloj kaj la batalo kontraŭ ĝi de la katolikaj laboristoj ». Poste oni diskutis pri la paroladoj kaj Msro Poels kritikis la Nederlandan registaron, kiu ne malpermesis la propagandiron de la « Tagiĝo » en Limburgo.

S-ro Joos fermis la kongreson, precipe dankante la parolantojn pro tio, ke ili restis kun iliaj du piedoj sur kaj en la tero. Ili estis tre praktikaj.

### Granda Kunveno de 60.000 Katolikaj Laboristoj en Utreĥto

60.000 laboristoj estis alvenintaj, dimanĉon la 6 septembro, frumatene por kunveni en la « Groote Kuil » (granda kavo). Estis domaĝe ke pluvegis matene, ankaŭ dum la meso celebrita de Lia Episkopa Moŝto Jansen en la grand' aero. Ĉeestis la Ministro de Laboro, S-ro Verschuur, kiu estas katoliko, ankaŭ multaj senatanoj. La prezidanto de la Katolika Laboristunuiĝo en Nederlando, S-ro A. C. de Bruyn, malfermis la kunvenon per la kristana saluto. Poste li elparolis grandan paroladon el kiu ni citas: Multe da personoj diros, ke estas malsaĝe fari tiom da penoj por aŭskulti kaj ĉeesti tian kongreson, sed Leono XIII-a verkis la enciklikon *Rerum Novarum* kaj Pio XI-a alian *Quadragesimo Anno*, per kiuj la laboristoj eksciis ke ili havas la rajton unuiĝi. Multe da personoj kontraŭas la projekton de Ministro Verschuur, havigi leĝon, por ke oni laŭleĝe formu laborkonsilantarojn. La industriistoj ne volas ĝin, sed la laboristoj ĝin postulas. La laboristoj volas vivsufiĉan pension por maljunuloj. Kaj la tria postulo estas: laŭleĝa regulado de asekuro kontraŭ senlaboreco. Poste li rememorigas Msron Nolens kaj la 60.000 laboristoj laŭtvoĉe preĝas por lia eterna ripozo.

Profesoro D-ro Kors, O. P., de la Universitato en Nijmegen, parolas pri la enciklikoj *Rerum Novarum* kaj *Quadragesimo Anno*. La normo de Liaj Papaj Moŝtoj estis: 1-e la laboristo estas ankaŭ homo; 2-e la laboristo ne estas ilo. Li parolas pri la malmultaj riĉuloj kaj la multaj malriĉuloj. Li avertas ke la laboristo ne fariĝu materialisto, ĉar krom la rajtoj li ankaŭ posedas devojn, kiuj estas: 1-e li ne evitu la laboron; 2-e li observu justecon kaj amon kaj regulu siajn postulojn laŭ racio kaj ĝusteco, ankaŭ ĉe la difino de la salajro; 3-e li estu same fidela katoliko en malprosperaj kiel en prosperaj tempoj.

La ŝatinda parolanto montris, ke malaltigo de salajro ne solvos la mondkrizon. Kaj fine li metis la figuron de la Dia Filo antaŭ la okuloj de la laboristoj kiel ilia ekzemplo.

Fine Lia Ministra Moŝto asertis, ke li faros sian eblon por efektivigi sian projekton de laborkonsilantaroj en leĝon.

Oni forsendis danktelegramon al Lia Papa Moŝto kaj la prezidanto fermis la kunvenon.

Post la kunveno oni iris procesie antaŭ la palaco de la Episkopestro kun multaj flagoj kaj standardoj kaj devizoj. Sesdek orkestroj ludis kaj la marŝado daŭris tri horojn. La ministoj estis « en kostumo » kaj la Amsterdamaj brikistoj estis fieraj.

L. G. C. de Jong.

### Samideanoj de Parizo kaj Ĉirkaŭaĵoj

Jen la vintra sezono tute taŭga por kunvenoj. Ni do denove invitas vin ĉeesti la intimajn kunvenojn de ni organizotajn ĉiusabate en nia oficejo: 10, rue Pergolèse, de la 16-a ĝis la 18-a.

Venu multnombre por babiladi kaj interkonatiĝi kun aliaj samideanoj, kiuj certe estos kontentaj vin renkonti. Ni esperas aŭdigi al vi esperantlingvajn diskojn.

## EL LA VATIKANA URBO

### Oni daŭre laboras...

Oni daŭre laboras por finaranĝi la Vatikanan Urbon. Kiu ne vizitis la konstruejojn, tiu ne povas imagi kiom multaj ekzistas, ĉar la tuta urbo estas nuntempe en nova aranĝado. Feliĉe jam multaj laboroj estas finitaj kaj la Vatikana Urbo ricevas plibelan aspekton.

La limmuro, inter la Teŭtonika Hospitalo kaj la Rommuro, sur la Aureliana strato estas finkonstruita. La palaco dediĉita al la kardinalo-ĉefpresbitero de la Vatikana baziliko estas ankaŭ finkonstruita.

Oni aktive daŭrigas la finaranĝojn en la preĝejo Sankta-Stefano el Abisinianoj: la muroj estis plifortigitaj, la lignaj traboj anstataŭitaj. La malnovaj konstruaĵoj de la Mon-Palaco estis disfaligitaj kaj nun oni aranĝas la turon, kiu ekzistas ankoraŭ kiel restaĵo de la antikvaj mez-epokaj fortikaĵoj.

En la korto de la Belvidejo oni anstataŭis la pilastrojn per marmora subkonstruaĵo. Oni ankaŭ faris la niĉon, ankaŭ el marmoro, kiu estas destinita al la statuo de la Saĝeco, pri kiu ni parolos poste. La lignaj straboj de la konstruaĵo de Bramante, en la strato Fondamenta, estis anstataŭitaj per feraj straboj. Apud la Anĝela Pordo oni forĵetis la malnovajn domojn, kie estis antaŭe la apoteko, por konstrui tie palacon, kie loĝos la Papa kapelano.

### Malkovroj

Ĉiuj ĉi konstrulaboroj okazigis malkovrojn, ekzemple tiun de paganaj tomboj, kiuj datumas de la II-a centjaro. Sed la pli grava malkovro estas certe tiu de subkonstruaĵoj malantaŭ la baziliko Sankta-Petro.

Dank' al seriozaj studoj oni nun povas diri, ke tiuj subkonstruaĵoj estas restaĵoj de projekto de Sangallo, la unua arkitekturisto de la Vatikana baziliko. Tiu ĉi, komence de la XVI-a centjaro, intencis konstruigi rondforman portikon ĉe la absido. Kaj jam estis komencitaj la subkonstruaĵoj, kiam oni akceptis la planon de Michelangelo, en 1546, sed oni forlasis la efektivigon de la projekto de Sangalio. Sekve oni enterigis la jam konstruitaj fundamentoj. Oni ĵus malkovris ilin. Kompreneble oni konservos tiuj marmoraj muroj, kiel memoraĵoj pri la projekto de Sangalio.

### Statuo de la Saĝeco

Laŭ Papa deziro baldaŭ estos lokata en la korto de la Belvidejo granda statuo de la Saĝeco, tute simila al tiu, kiu jam estas en la Ambrosiana Biblioteko de Milano; tamen ĝi estas multe pli alta, ĝi ja estas 3.20 m. alta. La statuo estas skulptita el Carrarmarmoro.

La Saĝeco estas riprezentita kiel junulino, kun serioza aspekto, en vastaj vestoj.

La statuo estos lokata en niĉo nun en konstruado laŭ la plano de Senatano Beltrame. La niĉo surhavos la blazonon de la reganta Papo kaj jenan subskribon: « *Pius XI Matri sapientiæ an. X*: Pio XI-a al la Patrino de la saĝeco, jaro X-a. »

Petrano.

# Granda varb-Konkurso

## de la 15 oktobro 1931 ĝis la 15 januaro 1932

PARTOPRENOS EN ĜI ĈIUJ NIAJ ABONANTOJ

ESTAS JA BELAJ PREMIOJ POR ĈIU

Temas pri varbado de **novaj** abonoj

Ĉiuj novaj abonoj komencos de la 1 januaro 1932



Rajtas partopreni en la Konkurso ĉiuj nunaj abonantoj de « KATOLIKA VIVO », sed ne la enlandaj abonperantoj.

## PREMIOJ




**1. Leda cigaredujo.**
Por 1 jarabono aŭ
2 sesmonataj abonoj aŭ
4 trimonataj abonoj.

**2. Notfoliaro en leda ujo.**
Por 2 jarabonoj aŭ
4 sesmonataj aŭ
8 trimonataj abonoj.

**3. Luksa grafitingo.**
Por 3 jarabonoj aŭ
6 sesmonataj aŭ
12 trimonataj abonoj.

**4. Ora fontanplumo.**
Por 4 jarabonoj aŭ
8 sesmonataj aŭ
16 trimonataj abonoj.

**5. Bonkvalita leda poŝpaperujo.**
Por 5 jarabonoj aŭ
10 sesmonataj aŭ
20 trimonataj abonoj.

**6. Kronometra kaj kronografa poŝhorloĝo.**
Por 8 jarabonoj aŭ
16 sesmonataj aŭ
32 trimonataj abonoj.



**Oniksa Brethorloĝo**
Por 10 jarabonoj aŭ
20 sesmonataj aŭ
40 trimonataj abonoj.

La premioj estos afrankite sendataj *fine de januaro 1932.*

### RIMARKOJ

1. Por ke la nove varbitaj abonoj estu al vi enkalkulataj je la Varb-Konkurso, ili estas sendotaj *rekte al nia Administracio,* ne pere de la enlandaj abonejoj.

2. Ni enskribos la abonojn al ni senditajn nur kiam ili estos akompanataj de la respondanta monsumo.

3. Por sciigi al ni la de vi varbitajn novajn abonantojn, uzu vi la apudan Konkurs-Bultenon.

4. Ni havas aliajn bultenojn je via dispono. Petu novajn se necese.

5. Ni ankaŭ havas je via dispono senpagajn specimen-numerojn de *Katolika Vivo.* Mendu la bezonatan kvanton.

## KONKURS-BULTENO

Detranĉu kaj rekte sendu vi al *Katolika Vivo,* Konkurso-Fako, 10, rue Pergolèse, Paris-XVI. — Samtempe sendu la monon ĉu al nia poŝta ĉekkonto (Ramboux Georges, Paris nº 281.40), ĉu per internacia poŝtmandato, ĉu per bankĉeko en Parizo pagebla.

*(Legeble skribu vi !)*

Nomoj kaj adresoj de la varbitoj :

1.— ........................ *jarabono* (1)
........................ *6-monata*
........................ *3-monata*

2.— ........................ *jarabono*
........................ *6-monata*
........................ *3-monata*

3.— ........................ *jarabono*
........................ *6-monata*
........................ *3-monata*

4.— ........................ *jarabono*
........................ *6-monata*
........................ *3-monata*

5.— ........................ *jarabono*
........................ *6-monata*
........................ *3-monata*

6.— ........................ *jarabono*
........................ *6-monata*
........................ *3-monata*

7.— ........................ *jarabono*
........................ *6-monata*
........................ *3-monata*

8.— ........................ *jarabono*
........................ *6-monata*
........................ *3-monata*

9.— ........................ *jarabono*
........................ *6-monata*
........................ *3-monata*

10.— ........................ *jarabono*
........................ *6-monata*
........................ *3-monata*

(1) Forstreku la nenecesajon.

Nomo kaj adreso de la varbinto : ........................

# ★ Libreja Fako ★

## de « Katolika Vivo »

Ĉiu mendo, akompanata de la mono, estas sendota al la Administracio de Katolika Vivo, 10, rue Pergolèse, Paris-XVI. (Poŝta ĉekkonto : Ramboux Georges, Paris nº 281.40). La prezoj entenas la sendkostojn.

## *NIAJ PROPRAJ ELDONAĴOJ*

### PARVULI (La Etuloj)

de Albert BESSIÈRES, S. J., tradukita de RAMO

10 × 15,5 cm., 32 p., prezo : 1,50 fr. fk.

Rakonto pri ĉiutaga komunio. Estu benitaj la etuloj similaj al tiu malgranda religiema Petro!

### Kiel mortis la unuaj kristanoj

de I. J. KRASZEWSRI, tradukis Em. ROBERT

10 × 15,5 cm., 32 p., prezo : 1,50 fr. fk.

Priskribas la aŭtoro la kortuŝajn scenojn de la kristana vivo sub la Nerona imperio, teruran malliberejon kaj emociigan bucadspektaklon de ĉiuklasaj romaj personoj.

### La universala reĝeco de Kristo

Enciklika Letero de Pio XI-a tradukis Jos. SCHMIDT

10 × 15,5 cm., 32 p., prezo : 1,50 fr. fk.

### NOVA AFRIKO

de Th. MONENS, S. J., tradukita de FLORIANO

10 × 15,5 cm., 32 p., prezo : 1,50 fr. fk.

La broŝureto ampleksas la historion, rilatojn, misiistajn penadojn kaj modernan pensmanieron de la nigra kontinento, kiu verŝajne ne unu surprizon kaŭzos baldaŭ al la superregantaj tie eŭropanoj.

### KATOLIKA PREĜARETO

9,5 × 13,5 cm., 32 p., prezo : 3 fr. fk.

Enhavo : Maten-, Vesper- kaj Mespreĝoj ; Preĝoj por la Komunio kaj por la Konfeso, Litanioj, Diversaj preĝoj.

### ESPERDONA ISLANDO

de Jak. DE VREESE, esperantigita de Frato FLORIANO

12 × 18 cm., 40 p., prezo : 5 fr. fk.

Bela volumo ilustrita pri la lando kaj popolo de la katolika vidpunkto.

### LA ORIGINO DE LA RELIGIO

Originale verkita apologia verko de Jos. SCHMIDT

*RIĈE ILUSTRITA*

11 × 18 cm., 32 p., prezo : 3 fr. fk.

En tiel malmultaj paĝoj la aŭtoro kondense pritraktas gravegan teologiajon, sed nur laŭ antropologia natura vidpunkto. Ĝia legado estas rekomendinda al ĉiuj sciencistoj, kaj al la amantoj de prireligiaj studoj.

### KLARI

Romano de MYRIAM CATALANY el franca lingvo tradukita de Em. ROBERT

10 × 15 cm., 136 p., prezo : 10 fr. fk.

Nepre leginda verko, kies emociigita rakonto kortuŝas ĉiujn legantojn.

### FABIOLA

Romano pri katakomboj de Kardinalo WISEMAN el angla lingvo tradukita de RAMO

Dua eldono reviziita de Em. ROBERT

*Premiita de la Esperantista Akademio, 1929*

8 luksaj ekster- kaj multaj entekstaj ilustraĵoj

15 × 20 cm., 440 p., prezo : 40 fr. fk.

Stilo ĉiam facila, klara, preskaŭ senerara. Vera modelo de pura Fundamenta lingvo. Ĝian legadon oni povas rekomendi varme al ĉiuj, kiuj deziras akiri klasikan stilon en Esperanto kaj tion kun, samtempe, literatura ĝuo.

*(Raporto de la Akademio.)*

### FABELOJ

Originale verkitaj de Franjo MODRIJAN

11,5 × 18 cm., 32 p., prezo : 2.50 fr. fk.

Imagaj rakontoj beletristikaj por geknaboj kaj iliaj gepatroj.

## *VERKARO DE D-ro L. L. ZAMENHOF*

### Lingvaj Respondoj

Unu volumo in-8, 92-paĝa.
Prezo : fr. fk. 9.—

### Fundamenta Krestomatio

Ekzercoj, fabeloj kaj legendoj, rakontoj, el la vivo kaj sciencoj, artikoloj pri Esperanto, poezioj.
Unu volumo in-16, 460-paĝa.
Prezo : fr. fk. 18.—

### Proverbaro Esperanta

laŭ la verko « Frazeologio rusa-pola-franca-germana » de M. F. ZAMENHOF, aranĝis L. L. ZAMENHOF.
Unu volumo in-8, 82-paĝa.
Prezo : fr. fk. 9.—

### Ifigenio en Taŭrido

dramo en kvin aktoj de GOETHE.
Unu volumo in-8, 108-paĝa.
Prezo : fr. fk. 11.—

### Fabeloj de Andersen

(Plena Kolekto)
Unua volumo in-8, 152-paĝa.
Dua volumo in-8, 156-paĝa.
La ambaŭ volumoj : fr. fk. 21.—

### Georgo Dandin

komedio en tri aktoj de MOLIÈRE.
Unu volumo in-16, 51-paĝa.
Prezo : fr. fk. 7.—

### Hamleto

tragedio en kvin aktoj de SHAKESPEARE.
Unu volumo in-16, 170-paĝa.
Prezo : fr. fk. 9.—

### La Batalo de l' Vivo

de CHARLES DICKENS, tradukita el germana traduko.
Unu volumo in-8, 88-paĝa.
Prezo : fr. fk. 15.—

### La Rabistoj

dramo en kvin aktoj de SCHILLER.
Unu volumo in-8, 144-paĝa.
Prezo : fr. fk. 15.—

### La Revizoro

komedio en kvin aktoj de N. V. GOGOL.
Unu volumo in-8, 100-paĝa.
Prezo : fr. fk. 15.—

### Marta

romano de ELIZA ORZESZKO, tradukita el la pola lingvo.
Unu volumo in-8, 237-paĝa.
Prezo : fr. fk. 25.—

### Vojaĝo interne de mia ĉambro

klasika verko de DE MAISTRE, el franca lingvo tradukis SAM. MEYER.
Unu volumo in-16, 58-paĝa.
Prezo : 5 fr. fk.

## *ALIAJ ELDONAĴOJ*

### Spirita Juvelaro

La plej bela katolika preĝlibro en Esperanto, poŝformata 8 × 13 cm. 291 paĝoj.
Prezo, bindita : 20 fr. fk.

### Kie estas la Eklezio de Kristo ?

Apologia verko tre bona de M. v. D. HAGEN, tradukita de F-ino M. BORRET.
13 × 19 cm., 160 paĝoj.
Prezo : 15 fr. fk.

### La Padova Lilio

Biografio de sankta Antonio de Padova, verkita de Pastro CAROLFI, kaj bele ilustrita.
12 × 16 cm., 119 paĝoj.
Prezo : 8 fr. fk.

### La Reformanto

Biografio de sankta Francisko, verkita de Pastro CAROLFI, kaj bele ilustrita.
12 × 16 cm., 88 paĝoj.
Prezo : 10 fr. fk.

### Respondoj al kontraŭreligiaj paroloj

Verko de Msro DE SÉGUR, traduko de AD. HALBELD.
Bela volumo 250-paĝa, formato 12 × 20 cm.
Favora prezo : fr. fk. 5.50

### La Floretoj de sankta Francisko

Ĉarma bukedo prezentita esperantlingve de J. PIZZI.
12 × 17 cm., 174 paĝoj.
Prezo : 10 fr. fk.

### Naturscienco, Mondkoncepto, Religio,

*konstruŝtonoj por natura fundamentiĝo de l' Dio-Kredo,*
de D-ro J. REINKE, profesoro ĉe la Universitato de Kiel, tradukita de Ew. BRENKEN.
15,5 × 20 cm., 164 paĝoj.
Prezo : 6 fr. fk.

### Kompleta Gramatiko kaj Vortfarado en Esperanto

Necesa verko por ellernado de la helplingvo, redaktita de PAUL FRUICTIER, reviziita kaj kompletigita de S. GRENKAMP.
15,1 × 23,1 cm. 200 paĝoj.
Prezo, broŝurite 30 fr. fk. ; bindite : 40 fr. fr.

### Vortoj de Prof. Th. Cart

Ĉiam memorindaj vortoj de la prezidanto la Esperantista Akademio, kolektitaj de S-roj GRENKAMP kaj K. DE LAJARTE
13,5 × 18,5 cm., 140 paĝoj.
Prezo : 20 fr. fk.

### Litova Almanako

Vi deziras koni tiun novan regnon eŭropan? Mendu la « Litova Almanako », kiu havigos al vi multon el la litova literaturo, penso kaj vivo. Bela libro da 285 paĝoj, 12 × 18 cm.
Prezo : 20 fr. fk.

### Historio de Kristo

La fama ĉefverko de PAPINI.
14 × 20 cm., 600 paĝoj.
Prezo : 60 fr. fk.

### Bela Joe (Ĝo)

aŭtobiografio de hundo, de MARSHALL SAUNDERS, tradukita de J. BLAIKIE kaj N. HOHLOV.
42 ilustrajoj kaj desegnoj,
12 × 18 cm., 310 paĝoj.
Prezo : 25 fr. fk.

### Per balono al la Poluso

Rakonto pri la ekspedicio de Andrée en 1897 laŭ lia notlibro jus retrovita.
412 paĝoj, multaj ilustrajoj, luksa papero.
Prezo : 70 fr. fk.

### Pri la devoj de l' homoj

Parolado al junulo de SILVIO PELLICO.
12 × 16 cm., 94 paĝoj.
Prezo : 5 fr. fk.

*LA PACO MARŜAS*

## Sankta Meso por la Paco en Germanujo

Ĉiulande oni povas konstati, ke la movado kontraŭ la milito, tiu « terura skurĝo de la homaro » (Benedikto XV-a), plifortiĝas. Ni memoru la alvokon de la katolikaj unuiĝoj de Francujo: « La katolikoj volas la pacon », en aprilo de tiu ĉi jaro, kaj la klopodojn por aranĝado de sanktaj mesoj por la paco en ĉiuj landoj. Post la bonega agado de la Parizaj katolikoj nun ankaŭ en Essen (Germanujo) oni en simila maniero agadas por la pacigo de la mondo. La katolikaj unuiĝoj porpacaj kune kun la Komitato por la Katolika Agado, en kiu estas riprezentitaj ĉiuj katolikaj unuiĝoj de Essen, publikigis en la loka gazetaro jenan alvokon:

**Sankta meso por la paco**

Deksep jaroj pasis depost tiu 1 aŭgusto, en kiu la popoloj de Eŭropo ŝanceliĝis en la teruran okazintajon de la mondmilito; preskaŭ dektri jaroj ni vivas en paco, kiu estas « pli ŝajno ol realeco » kaj « kreskas la timo pri novaj, pli teruraj militoj ». Konsiderante tiun ĉi danĝeron, gvidantaj geviroj klopodas pri interkompreniĝo de la popoloj, sed unuavice la destinitaj gvidantoj de la katolika popolo, la posteuloj sur le seĝo de sankta Petro ĉiam denove admonis en saĝa prudento gvidantojn kaj kunlandanojn, registarojn kaj popolojn al paco, kaj montris la vojojn, sur kiuj pacigo de la mondo estas atingebla.

Rigardante la venontjaran konferencon pri malarmado ni memoras la vortojn de Leono XIII-a, ke « la grandegaj armeoj ne havigas certan ripozon », kaj ke « la armata paco estas preskaŭ same ruiniga kiel la milito mem ».

Meze de la milito Benedikto XV-a alvokis la militantajn popolojn « anstataŭi la potencon de la armiloj per la morala forto de la justeco. Kun tio okazu justa kompreno de ĉiuj pri la samtempa kaj reciproka malarmado ». Kaj post fino de la mondmilito, li atentigas je « la de ĉiuj ekkonata neceseco zorgi per ĉiuj fortoj por forigi aŭ malgrandigi la armeŝarĝon, kies kolosan premon la ŝtatoj ne plu povas toleri ».

Pio XI-a proklamis la devizon: *Pax Christi in regno Christi* kaj lia encikliko de Kristnasko 1922 estas dediĉita al efektivigo de tiu postulo. Paskon 1930 li signis abomeninda kaj murdema tiun nacion, kiu ankoraŭ hodiaŭ havus militajn pensojn.

Kun la germanaj episkopoj ankaŭ ni bedaŭras: « La mondo ne povas forlasi la venenitan atmosferon de la milito, ne povas decidi malarmadon de la militarmeoj kaj malŝparas ankoraŭ nun tempon kaj monon provizante sin je pli teruraj detruiloj kaj murdinstrumentoj ».

Ni, katolikoj, kiuj ne pensas alie ol niaj gvidantoj, volas kunlabori al la efektivigo de la mondpaco. Tial ni postulas, ke la popoloj fine serioze ekkomencas la reciprokan malarmadon.

Tamen « kion utilas al nin paco, kiu nur estas ekstera, ne pli ol formo por la reciprokaj rilatoj? Ni bezonas pli multon, pacon, kiu eniras la korojn, ilin influas kaj favorigas al fratema bonvolo ». Kie alie tiu paco estas trovebla ol en tiu, kiu nin instruis: « Vi ĉiuj estas fratoj! »

Tial katolikaj pacifistoj de diversaj landoj ĉiumonate festas sanktan meson por la paco. Multe promesis komunii la unuan dimanĉon de ĉiu monato por preĝi je la paco de la mondo kaj interkompreno de la popoloj. Ankaŭ ni, katolikoj loĝantaj en Essen, volas same agi kaj festi sanktan meson por la paco, unuafoje dimanĉon 6 septembro 1931, je la 8-a, en la preĝejo Naskiĝo de Nia-Sinjorino, kaj memori, ke ni katolikoj de diversaj landoj, malgraŭ la amo kaj fideleco, kiujn ni havas en nia propra ŝtato, formas en Kristo unu grandan familion sub lia anstataŭanto, la Sankta-Patro en Romo. Precipe ni kore invitas ĉiujn negermanajn samkredanojn en Essen al partopreno.

« Per Kristo al mondpaco » estu nia devizo.

Essen, aŭgusto 1931.

*Komitato por Katolika Agado,*
La prezidanto: D-ro Fischer.
*Paciĝo de Germanaj Katolikoj.*
*Internacio Katolika* (Ika).
*Mondjunularo Katolika.*

En la sankta meso, kiu ĝustatempe okazis, partoprenis preskaŭ mil personoj, el kiuj granda parto komuniis. Post la sankta meso okazis komuna matenmanĝo en la granda salono de la « Katolika Domo ». En la sama salono ankaŭ la loka grupo de Mondjunularo Katolika organizis ekspozicion pri ĝia laboro kaj pri la uzado de Esperanto inter katolikoj. La ekspozicio trovis grandan aplaŭdon.

# La persekutado en Hispanujo

Alcalá-Lerroux-Ríos, jen estas la *triumviri respublicæ constituendæ*, de la dua naskonta respubliko hispana, kiel latinlingve povus diri iu ajn el antikvaj Romaregintoj, se ili vivus hodiaŭ.

La respublika triumvirato hispana estas konstituciontaj, kaj pro tio la novajn regontajn leĝojn nur ili povas devigi post kiam ili estos aprobitaj per interkonsento de la plej granda katolika amaso hispana.

Unike, per forto, *manu militari*, la hispana triumvirato povos regi.

La vendredon 21 aŭgusto; merkredon 26; jaŭdon 27; kaj sabaton 29; diplomatie, interkonferencis la Papa Nuncio kaj la hispana triumvirato. Oficiale, neniu komunikis la pritraktitajn temojn. Tamen, ĉiuj, kiuj bone konas ies perfidon, povis konkludi, ke ili temis laŭ Astura popola kanto:

> Se vi volas, mi vin amu,
> estos sub kondiĉo, ke
> via doto estu mia,
> sed la mia, via ne.

Jes ja oni povas tion diri, ĉar *quia nominor leo*, la hispana triumvirato avidas la bienojn de la Eklezio, sen kompenso; malpermesas la religiajn kongregaciojn; intencas malpliigi la episkoparon; celas administri la donacojn, kiujn donos la kredantaro por subteni la katolikajn kultojn; pretendas, ke oni deklaru kvazaŭ ŝtatdejorantoj la tutan hispanan pastraron, senpage, kaj pro tio, neas la eklezian hierarĥion.

En la nomo de la libereco, oni sklavigas katolikajn organizajojn kaj oni pretendas, ke la katolikaro apogu kontraŭreligiajn leĝojn per ordono de Vatikano.

Kia naiveco! Kiom da simpleco!

En la nomo de kultliberoj, oni persekutas nur katolikon kulton, eĉ starigas civilajn sakramentojn, ekzemple, la edziĝo, kaj ankaŭ la civiltombejojn.

En la nomo de la instrulibero, nur oni malpermesas la katolikan lernadon, kiu laŭ atesto de la Federacio de Amikoj de la Instruado (Federación de Amigos de la Enseñanza), la religiaj kongregacioj, dum la lastaj kvindek jaroj, instruis pli ol kvin milionoj da infanoj, kies kosto estis *du mil milionoj da pesetoj*, kiujn ŝparis la ŝtato.

Laŭ aktuala statistiko pri la unua instruado rezultas, ke:

| | |
|---|---|
| Karmelanoj de la Karitato instruas | 41 919 |
| Fratinoj de la Karitato (griza vesto) | 27.991 |
| Fratinoj de la Karitato (nigra vesto) | 76.736 |
| Servantinoj de Sankta-Josefo | 5.283 |
| Sklavinoj de la Plejsankta-Koro | 9.710 |
| Triordenaj Franciskaninoj | 5.131 |
| Filinoj de Kristo Reĝo | 6.638 |
| Fratinoj de Kristana Doktrino | 3.950 |
| Koncepciistinoj | 3.110 |
| Hejmaj Servistinoj | 2.531 |
| Religiulinoj de Jesuo kaj Mario | 3.242 |
| Religiulinoj de la Plejsankta-Koro | 3.430 |
| Fratoj Marianoj | 19.350 |
| Patroj Salesianoj | 10.630 |
| Patroj de la Plejsanktaj-Koroj | 1.450 |
| Jezuitoj | 9.981 |
| Skolopioj aŭ Piaristoj | 19.798 |
| Aŭgustenanoj | 2.368 |
| Fratoj de Kristana Doktrino | 32.024 |
| Fratoj de Kristana Instruado | 1.925 |
| Senpage unua instruado: | |
| Fratoj Marianoj | 4.122 |
| Salesianoj | 9.164 |
| Jezuitoj | 7 322 |
| Skolopioj | 9 960 |
| Kristanaj Lernejoj | 30.524 |
| Karmelanoj | 14.799 |
| Sklavinoj de la Plejsankta-Koro | 8.890 |
| Fratinoj de la Karitato (grizaj) | 21.973 |
| Fratinoj de la Karitato (nigraj) | 65.820 |
| Triordenaj Franciskaninoj | 3.793 |
| Koncepciistinoj | 1.000 |
| Hejmaj Servistinoj | 2.331 |
| Religiulinoj de Jesuo kaj Mario | 1.192 |
| Religiulinoj de la Plejsankta-Koro | 1.642 |
| Senpage profesiaj lernejoj: | |
| Junviroj | 3.946 |
| Junvirinoj | 5.802 |

Ĉiu kolegio pagas imposton; iu, iom pli ol 50.000 pesetoj pojare.

En la nomo de la liberpenso, oni punas nur la katolikan gazetaron.

Jen ankaŭ la titoloj de jurnaloj katolikaj lasttempe malpermesataj: *El Tradicionalista* (La Tradiciisto) en Valencia; *El Diario de la Rioja* (La Jurnalo de la Rioja) en Logroño; *La Unión* (La Unuiĝo) en Sevilla, kaj *El Siglo Futuro* (La Estonta Jarcento) en Madrid.

Ĉu do, la starigota respubliko nur estos por kontentigi enlandanajn ateistojn?

La tuta tendenco de la triumvirato estas indigniĝi la katolikaron.

Ĉu provojn oni deziras?

La persekuto tiom da militistoj, kiom da religiuloj, precize, la du plej grandaj pacistoj, kiuj mano ĉe mano, glorigis kaj disfamigis Hispanujon, ordigante kaj pacigante korpojn kaj spiritojn. Tralegu hispanan historion kaj vi konvinkiĝos.

Sen ilia laboro, Hispanujo jam de longe estus la sudeŭropa Sovetujo.

Ĉu ankoraŭ oni povas eviti tion?

Mi kredas, ke jes.

Francisko M. Rua.

*Kun la permeso de la eklezia aŭtoritato.*

Respondeca Redaktoro (*Gérant*): Th. MERVILLE.
Presejo J. SOLSONA, 9, rue Hallé, Paris-14e. - Gob. 62-71

**Katolika Vivo**
informiga gazeto internacia



# La 70a Germana Katolika Kongreso en Nürnberg

De 26-31 aŭgusto 1931 la malnova libera urbo Nürnberg interne de siaj muroj unuafoje ĝuis la grandiozan aspekton de Germana Katolika Kongreso. La katolikoj de Nürnberg meritis, ke ili partoprenis en la granda honoro, doni hejmon kaj kadron al la 70-a ĝenerala kunveno de la Germanaj katolikoj. La katolika Eklezio en Nürnberg brile evoluis. Komence de la pasinta jarcento en Nürnberg nur estis eble 900 katolikoj, kodiaŭ estas 135 000! Antaŭ 100 jaroj tuta Nürnberg-o havis nur unu katolikan preĝejeton; hodiaŭ estas en la urbamplekso 12 paroĥoj kaj unu vicparoĥo kun sammultaj preĝejoj. La mistero de ĉi tiu potenca ekflorado estas la fidela kunlaborado de la katolikaj laikoj kun iliaj kompetentaj gvidistoj, la presbiteroj. Tio estas ankaŭ la kaŭzo por la bona sukceso de la Katolika Kongreso. Ĝuste Nürnberg estis la taŭga fundo por la ĉijara Katolika Kongreso. Ĉi tie — malgraŭ la mizero de l' tempo kaj ĝuste pro la premanta aflikto de niaj tagoj — ĝi povis fariĝi unu el la plej imponaj ĝeneralkunvenoj, kiujn la katolikoj de Germanlando ĝisnun travivis.

Jam merkredon 26 aŭgusto komenciĝis la konferencoj de la kvin riprezentantgrupoj kaj la multaj specialkunvenoj de la katolikaj unuiĝoj kaj ligoj. Ĉiuj ĉi tiuj konsiliĝoj montris pri la grandaj multflankeco kaj aktiveco de la katolika vivo. Ĉiuj okupiĝis pri la specialaj krizaj situacioj kaj bezonoj de la nuntempo, ne por pasigi la tempo per senfruktaj kritikoj nek per malesperaj lamentadoj, sed por serĉi kun sankta seriozeco la vojojn, kiujn elkondukas nin el la ekonomia kaj anima mizeroj. La granda linio de la vojo al la savo estis tute klare elsenŝeligata kaj kun forto proklamata de episkopoj kaj politikistoj, de pastroj kaj laikoj. Ĝi tekstas: *Returnen al Kristo! Returnen al la dek ordonoj de Dio!*

Vendredon 28 vespere, la Katolika Kongreso unuafoje agadis sur la publika forumo per la *unua publika kunveno* en la vastega Luitpold-halo apud la Luitpold-arbareto. La prezidanto de la loka komitato, Supera Land-tribunalestro M. Hahn, malfermis la kunvenon per la katolika saluto: « Laŭdata estu Jesu-Kristo » kaj diris la antaŭparolon. Tiam Ĉefepiskopo D-ro von Hauck, el Bamberg, kiel eparĥiestro de la urbo Nürnberg, prenis la parolon, por diri episkopan gratulon al la 70-a Germana Katolika Kongreso. Poste Papa Nuncio Vasallo di Torregrossa alportis la salutojn de la Sankta-Patro kaj parolis pri la fundamento de ĉiuj konsiliĝoj de la Katolika Kongreso, pri la tri grandaj enciklikoj de la Sankta-Patro Pio XI-a, pri la religia infan-edukado, pri la kristana edzeco kaj pri la socia problemo. En la obeado de ĉi tiuj postuloj li admoninstruis la Germanajn katolikojn pri sankta Elizabeto kiel modelo. Je la fino li alvokis al la tuta Germana popolo: « Germana popolo, meze de la mizeroj kaj postuloj de la socia vivo, vidu en via Sanktulino la movantan kaj liberigantan forton, la karitaton ». Kvazaŭ irus sankta Elizabeto tra la spacoj de la salonego, li montris ŝin kaj diris: « Germana popolo, jen staras via gloro kaj via honoro, jen staras via sorto kaj via savo ».

La saluton de la Bavara ŝtatregistaro alportis Ĉefministro D-ro Held. Por la urbo Nürnberg diris Ĉefurbestro D-ro Luppe korajn salutojn al la katolika kongresanaro. Kvankam laŭreligie kaj laŭpolitike ne havante nian starpunkton, li tute malkaŝe konfesis, kian potencan signifon en la batalo de la vivo havas kredo kaj amo, religia devokonscio, sinvenko kaj sinoferemo, kaj deziris, ke la Katolika Kongreso kunhelpu al la morala renovigo de nia popolo.

Kun streĉeco de la atento estis atendata la elekto de prezidanto: la Regna Parlamentano Jos. Joos estas elektita prezidanto; 1-a vicprezidanto fariĝis Registara Konsilantaro Freiherr von Moreau (Passau); 2-a vicprezidanto F-ino Maria Schmitz (Berlin); 3-a vicprezidanto Urbkonsilanto Losser (Breslaŭ).

En grandpreparita parolado la prezidanto Joos stampis la 70-an Germanan Katolikan Kongreson kiel pilgrimadon al sankta Elizabeto, por venigi de ŝi forton en la ĉagrenajoj kaj mizeroj de la nuna tempo.

Simile impona okazis la *dua publika kunveno*, sabaton 29 vespere. La kvar oratoroj de ĉi tiu vespero, Heredprinco D-ro Karl von Löwenstein, S-ino Klara Siebert, Pastro Marianus Vetter kaj supera land-tribunalprezidanto D-ro Krapp, pritemis en mallonga kaj entuziasmiga formo la katolikajn principojn, kiujn en niaj tempoj estas nepre konsiderendaj en la junaĝo, de la virino, en la familio, en la popolkomuneco. Precipe impresaj estis la vortoj de la Dominikana Pastro Marianus Vetter. Emocie li klare montris la lastan kaŭzon de la nuntempa mondmizero: la homoj malatentis la naturajn kaj Diajn leĝojn. Sed malatento de la de Dio volita ordo devas konduki al la dekadenco. Pri ĉi tiu dekadenco, kiu precipe klare montriĝas en la diversaj formoj de la bolŝevismo, tial estas kulpaj ĉiuj tiuj, kiuj malmulte ŝatas aŭ eĉ ignoras la Diajn ordonojn. La plej grava postulo de la oratoro devis teksti: Radikale esti katolika! Ĉion renovigi en Kristo! Se tio estas obeata en nia patrujo, ne plu estos bolŝevista danĝero.

La plejpotencan travivajon de la Katolika Kongreso ekfunkciigis la dimanĉo 30. La plejsupro de ĉi tiu tago kaj per tio de la tuta Katolika Kongreso sendube estis la Solena Diservo en la arenego. La impreso de ĉi tiu soleno estis majeste grandioza kaj ne plu perdiĝos al iu ajn ĉeestinto. Estis jam impone, vidi la grandajn homamasojn de pli ol 100.000, kiuj de proksime kaj malproksime estis alkurintaj kaj preskaŭ plenigis la vastegan arenon. Se en la nuntempa mizertempo tiaj homamasoj kunamasiĝas je la voko de la Eklezio, estas tio pruvo, ke forta Dikredo estas viva kaj ke la katolikoj ankaŭ hodiaŭ ankoraŭ fidele sekvas sian Eklezion. Tio ja malkonvenos al la malamikoj de la Eklezio. Vidante ĉi tiun potencan manifestadon por la princo de la paco kaj ordo kaj por lia regno, vidante la predikon de la kontenteco kaj amo: jen al la servutuloj de la malamo disfluiĝu la espero pri baldaŭa komunista ondo en Germanlando. Multe da konsolo kaj forto ĉiuj fideluloj hejmen kunprenis de la Katolika Kongreso. Ili travivis, kian potencan forton la katolika Eklezio rezultigas al la animoj; ili sentis la proksimecon de la Eternulo, kiu ĝuste en la nuna mizertempo estas nia bona Patro. Tio faris ilin ĉiujn gajaj; tio faris ilin fakte fieraj pri la sankta katolika Kredo kaj la sankta katolika Eklezio. Sanktan ĝojon kaj benoplenan feliĉon pro tio oni povis legi sur la mienoj de la episkopoj kaj ministroj, de la pastroj kaj laikoj, de la kampkulturistoj kaj laboristoj, de la sinjorinoj kaj virgulinoj. Kaj ĉi tiuj homoj ĉiuj, kiuj staris kapo al kapo, ne estis eble malintimaj personoj. Jen staris ministro kaj kampulo, Rejnlandano kaj Bavaro, ne plu fremdaj: ĉiuj estis unika granda familio de nuraj fratoj kaj fratinoj, unuigitaj per la ligilo de la kredo kaj amo. Tion oni precipe sentis ĉe la sankta Konsekro, kiam ĉiuj genuoj fleksiĝis antaŭ la Difilo en la simpla panfiguro, kiam la miloj da flagoj kliniĝis kiel al fideleca juro antaŭ la Plejsanktulo. Ĉiuj partoprenintoj estis sub la devigo de la sankta Ofero, kiu estas festita en tiaj emociigaj cirkonstancoj, festita por nia peze luktanta Germana popolo, por ke ĝi venku en la mizero de la vivo! Sankta firma venkespero por la batalo de la vivo do ankaŭ sonoris en la entuziasma, impona glorkanto « Granda Dio, ni laŭdas Vin », kiu je la fino de la Diservo supreniris al ĉielo.

Se la Sankta-Patro en Romo ĉe la radio estus aŭskultinta ĉi tiun imponan kredokonfeson de la Germanaj katolikoj, certe li estus ege ĝojinta pri ĉi tiuj kongresaj okazintajoj. Certe havis tian ĝojon la multaj miloj, jes milionoj, kiuj en la regna teritorio kaj en Germanaj landoj aŭskultis ĉe la radio kaj korbate sekvis la grandiozan solenon en la Nürnberga arenego. Ili aŭdis la flamigantan predikon de la ĉefepiskopo de Bamberg; ili aŭdis la sonorileton dum la sankta Konsekro, ili aŭdis kaj akceptis la Papan Benon, ili aŭdis kaj ankaŭ kunkantis la impresan dankhimnon. Ĉiuj katolikoj de Germanujo estis je ĉi tiu horo *unu* koro kaj *unu* animo. La moderna tekniko, enmetita je la servon de Dio kaj Eklezio, efektivigis, ke je ĉi tiu tago elverŝiĝis sankta Pentekosto-fajro el de Nürnberg tra la tuta lando kaj faris ĉiujn katolikojn de Germanlando unu amarda Difamilio.

JOS. LINTL, *presbitero*.



LA SOLENA DI-SERVO EN LA GRANDA ARENO DE NÜRNBERG

## La konfuzo en la Jakoba Eklezio en Malabar

La konfuzo jam de longe ekzistanta en la hereza Jakoba Eklezio en Malabar pli kaj pli grandiĝas, precipe de post septembro de lasta jaro, pro granda fluo al la Katolika Eklezio, sekve de la reuniĝo al Katolikismo de Msro Mar Ivanios, metropolito de Bethany, pri kiu ni parolis siatempe.

La fluo al Katolikismo estas granda kaj regula ĉefe el la vicaro de la Di-timantoj.

La protestantoj nun penadas efektivigi pacon kaj konkordon inter la Jakobanoj de Malabar. La vic-reĝo de Brita Hindujo, S-ro Irvino mem, sin intermetinte, venigis la patriarkon Mar Ignatius Elias el Mossul, kaj invitis kelkajn protestantajn episkopojn kunveni kun la patriarko por konsili porpacajn temojn en la Jakoba Eklezio de Malabar. Malkonsentinte la patriarko ekiris suden de nordo kaj alveninte Malabar'on loĝas tie pripensanta porpacajn temojn. Sed li ne konsentis ĝis nun pri la sugestoj de la Jakobanoj. Kaj ne estas granda espero, ke la interkonsento estonte okazu.

Dum lia loĝado norde, dum pasinta januaro, la konvertita ĉefepiskopo Mar Ivanios sendis tre belan kaj elokventan leteron al la Jakoba patriarko, por inviti lin al reuniĝo kun la katolika Eklezio, kiel li mem jam faris. Sed kompreneble la patriarko restis surda al tiu pia alvoko.

HENRY JOSEF, *karmelana presbitero*.

